Libraro Pacifisma, Nº 3

ELDONATA DE LA SOCIETO « PACIFISTO »

ELIE DUCOMMUN

Honora Ĝenerala Sekretario de l'Internacia Oficejo de Paco

# La Fundamentoj de l'Pacifismo

EL FRANCA LINGVO KUN PERMESO DE L'AŬTORO

TRADUKIS

VICTOR DUFEUTREL



PARIS

PRESA ESPERANTISTA SOCIETO

33, RUE LACÉPÈDE, 33

Prezo : fr. 0.50

Libraro Pacifisma, Nº 3
ELDOÑATA DE LA SOCIETO « PACIFISTO »

ELIE DUCOMMUN
Honora Ĝenerala Sekretario de l'Internacia Oficejo de Paco

# La Fundamentoj de l'Pacifismo

EL FRANCA LINGVO KUN PERMESO DE L'AŬTORO
TRADUKIS
VICTOR DUFEUTREL



PARIS
PRESA ESPERANTISTA SOCIETO
33, RUE LACÉPÈDE, 33

1906

*De tiu ĉi libro oni presis tridek numerigitajn ekzemplerojn sur luksa papero.*

# LA FUNDAMENTOJ DE L'PACIFISMO

Resumo de skribajoj pri la Paco, publikigitaj de

ELIE DUCOMMUN.

---

## I. **Praktika programo de la Pacamuloj.**

Tralegi la raportojn de la ĉiujaraj Kongresoj kaj de la Societoj por la Paco sufiĉas por certiĝi ke la Pacifistoj forlasis de longe la eksklusivan kampon de la teoriaj aŭ sentimentalaj konsiderajoj por eniri tiun de la *praktikaj solvoj.*

La ĝenerala penso estas ke decas antaŭ ĉio aligi la opiniantaron al *ideoj de paco kaj akordiĝo,* por ke, kiam malfacilaj problemoj postulos nepre sian solvon, la popoloj estu akceptintaj la elekton de la pacaj solvoj, kaj povu havi por tio bonfaran influon sur la parlamentoj kaj registaroj.

Oni foje aŭdas : « Por kio tio utilas ? Kion povas fari tiuj, kiuj ne direktas la sorton de la regnoj ? »

Kion ili povas fari ? Se ili scias kombini siajn klopodojn, ili povas trudi pacajn solvojn al la registaroj, ĉar ili havas la multnombrecon kaj, sekve, la forton. La popoloj nuntempe estas armataj de la nehaltigebla influo kiun donas al ili la gazetaro, la liberaj kunvenoj, kaj la ideoj de egaleco kiuj ĉirkaŭiras la mondon. — Estas aliparte erare, kredi ke la parlamentoj kaj la registaroj ŝategas la militan gloron. La milito ilin devigas fari elspezojn, kiujn ili povas pagi nur igante sin mem nepopularaj. Ili scias ankaŭ ke la ŝancoj de

arma batalo ne povas esti kalkulataj kun certeco, ke eĉ post la unuaj sukcesoj la militaj okazaĵoj povas ŝanĝi, — ke novaj interligoj povas ĉiam porti novan danĝeron, — ke la neantaŭviditaĵoj regas, sume, la tutan situacion, kaj ke, post malvenko ĉiam ebla, troviĝas anarkio kaj ruino.

Oni devas do alparoli al la publika konscienco, ĝin stimuli, plivastigi ĝiajn horizontojn, plilarĝigi la senton de la interpopola solidareco. Kiam la nacioj estos forlasintaj siajn antikvajn antaŭjuĝojn, siajn centjarajn malamojn, kaj estos kutimintaj kompreni klare siajn proprajn interesojn ; kiam, precipe, iliaj deziroj de paco estos nedubaj por la registaroj, tiu ĉi tre volonte sekvos tiun movadon. Tiam estos sendube ankoraŭ konkuroj inter la popoloj, sed militoj ne estos plu eblaj, ĉar oni estos elirinta el la periodo de la « malfirma ekvilibro de l'envioj kaj timoj. »

## *Ĝeneralaj deklaracioj.*

La unuaj regulaj Kongresoj de Paco devis necese limigi sian laboron je la formado de ĝenerala programo por precizigi, antaŭ ĉio, la sintezajn intencojn de siaj anoj.

Tion esprimas kun perfekta klareco la principoj de la unua el tiuj kongresoj (Parizo, 1889) kaj de la dua (Londono, 1890) kiuj deklaraciis :

1-e ke la frateco interhoma postulas, kiel necesan sekvon, fratecon internacian ;

2-e ke la vera fundamento de daŭra paco troviĝas en tio, ke la popoloj almetos tiun ĉi grandan principon al ĉiuj siaj interrilatoj ;

3-e ke nenian militan agon oni rajtas fari sur la neŭtralaj teritorioj ;

4-e ke la celo dezirata de ĉiuj Societoj por la Paco estas la starigo de la jura ordo inter la nacioj ;

5-e ke la devoj konsciencaj, kaj la fundamentaj postulaĵoj de la justeco kaj juro internaciaj, kiuj regas la rilatojn inter la civilizitaj nacioj, devas ankaŭ regi iliajn rilatojn kun la necivilizitaj popoloj ;

6-e ke l'akordo devas stariĝi kaj kreskadi per la akcepto sinsekva de komuna leĝaro pri ĉiuj ekonomiaj interesoj ;

7-e ke la principo de la internacia arbitracio devus esti unu el la esencaj fundamentoj de la konstitucio de ĉiu regno ; ke konvenus ke la popoloj konkludu inter si, kiel eble plej baldaŭ, traktatojn de konstanta arbitracio, kaj ke estus ankaŭ necese enmeti la kondiĉon de arbitracio en ĉiujn traktatojn konkludotajn inter du aŭ kelkaj nacioj.

La Kongreso kunveninta en Romo starigis la esencajn fundamentojn de internacia juro estonta, respektante la *memregecon de la popoloj* kaj la *kondiĉojn de ilia ekzistado,* por la celo rebati antaŭ ĉio la kontraŭdiron kaŭzatan de la speco de la demandoj prezentotaj al la arbitracio. Jen tiuj ĉi fundamentoj, konfirmitaj en la sekvintaj kongresoj :

« La principoj de la rajtoj kaj de la moralo de la popoloj estas la sama, kiel tiu de la moralo kaj rajtoj de la individuoj ;

« Kiel neniu estas permesata plenumi juĝon por si mem, nenia nacio havas la rajton proklami militon ;

« Ĉia malkonsento inter nacioj estos solvata per juĝo ;

« Ĉiuj popoloj estas intersolidaraj kaj havas la rajton sin defendi kontraŭ perforto ;

« Ne ekzistas ia rajto almilita ;

« La popoloj havas la necedeblan kaj neĉesigeblan rajton disponi libere pri si mem ;

« La memregeco de ĉia nacio estas netuŝebla. »

Tiuj ĉi ĝeneralaj principoj estis plenigataj per la jena, en la sesa Kongreso (Anverso, 1894) :

« Ĉia suverena regno, ĉu granda, ĉu malgranda, ĉu forta, ĉu malforta, devas esti konsiderata kiel egala je ĉiuj

aliaj, kun la rajto je la sama jura kaj natura respekto kiel tiu postulata de la plej granda kaj forta el la aliaj nacioj, pri sia individueco kaj siaj rajtoj de libera kaj organizita societo. »

*Internacia justeco.*

La elekto de la pacigiloj dependas necese de la cirkonstancoj; sed jam de l'komenco la Pacifistoj divenis la grandajn servojn kiujn faros al ilia afero la *arbitracioj, unue okazaj, poste reguligitaj inter la Regnoj kiuj konkludis traktatojn al tiu celo, kaj iĝantaj fine devigaj, kun ĉiama Kortumo, kiu devus juĝi laŭ unuformaj reguloj de internacia juro.*

El ĉiuj ideoj pri la praktika aplikado de la paca programo, tiu pri la *internacia arbitracio* estas do la plej studita. La societoj por la paco, la Internacia Jura Instituto, la Societo por la Reformado kaj la Enkodeksigo de la Internacia Juro, unu subkomitato de la Internacia Oficejo de Paco, aliaj pacifistaj organoj ankaŭ, sin okupis kaj sin okupas pri ĝi, kun tiom da kompetenco, kiom da diligenteco.

Pri la regulaj Universalaj Kongresoj de la Paco, kiuj kunvenis de la jaro 1892-a ĝis nun, ĉiuj traktis tiun ĉi gravan demandon, kun multe da metodo, atentigante kun la plej granda zorgemo pri la progresoj faritaj de la ideo de internacia arbitracio, esprimita unue timeme, kaj poste ĉiam kun pli da forteco kaj insistemo.

La Kongreso en Romo en 1891, deklaraciis « ke la konkludo de traktatoj de konstanta arbitracio inter la popoloj ŝajnas esti la plej certa kaj plej mallonga vojo por pasi el la stato de milito aŭ de paco kun armado en la staton de paco, *per la fondado, iom post iom, de internacia justeco.* »

Kaj ĝi esprimis la deziron ke la registaroj kaj la po-

poloj prezentu al arbitracio la solvadon de la demandoj, kiuj ilin dividas kaj povus iĝi kaŭzoj de konfliktoj.

La homoj, kiuj ne kredas je tiu ĉi rimedo eviti la militon en la estonteco, demandis tiam *kia estus la sankcio de la arbitraciaj sentencoj, kaj kiel estus fondataj la internaciaj arbitracioj devigaj aŭ laŭvolaj.*

Kiel tute natura sekvo de la suprediritaj deklaracioj, la kvara kongreso, kunveninta en Berno, esprimis la opinion ke la arbitraciaj sentencoj neniam devus esti sankciitaj per ekzekutaj rimedoj, kiuj havas karakteron de militagoj kaj ke, aliparte, la nacioj subskribintaj arbitracian traktaton povus jure, per speciala kaj reciproka kondiĉo de la konsentitaĵo, doni al la arbitraciantoj la rajton sankcii sian sentencoj kaj montri al ili la rimedojn.

La sama Kongreso komisiis la komisiitaron de la internacia Oficejo *studadi ĉion, kio rilatas al la limoj de l'arbitracio, al la teksto de traktato por konstanta arbitracio, kaj al la proceduro uzota ĉe la arbitraciaj juĝantaroj.*

Tiu ĉi studado elokupis du jarojn. Ĝi finiĝis per la redakto de projekto, kiu fiksis la limojn de la internacia arbitracio kaj la arbitracian proceduron. Tiu ĉi projekto estis diskutata kaj aprobata de la sesa kongreso, kiu okazis en Anverso en 1894; la kvina kongreso (Chicago, 1893) estis sin okupinta, dum la intertempo, pri la *ellaborado de projekto montranta, kiel povus esti fondata arbitracia kortumo inter la nacioj.*

La demando pri la *sankcio de la arbitraciaj sentencoj* estis, dum la intertempo, zorge esplorata de la Pacifistoj kiuj havas aŭtoritaton en la jura mondo. Tial, la naŭa kongreso, (Parizo, 1900) esprimis decidon por certigi ke la sentencoj arbitraciaj estas, ĉiuokaze, sankcieblaj alie ol per proklamo de milito, kaj ke oni povas antaŭvidi ke ili daŭros

esti bonvole plenumataj; sed ke, tiom por precizigi la rajton apartajn de la regnoj kiuj alkuras arbitracion, kaj la rajton de la arbitraciantoj elektitaj de ili, kiom por faciligi la konkludon de la traktatoj arbitraciaj, konvenas ke oni difinu la garantiaĵojn kiun oni povos postuli kaj la formon laŭ kiu oni devos tion fari.

Konsekvence, la kongreso petis la juran komisiitaron de la Internacia Oficejo de Paco ke ĝi ellaboru: 1-e kodekson de la rimedoj ekzekutaj en afero arbitracia; 2-e projekton de traktato de arbitracio konstanta, kun precizigo de la laŭokazaj rimedoj garantiontaj la plenumon de l'sentencoj.

Tiuj ĉi demandoj, kiel eble plej gravaj, estis diskutataj de la sekvintaj kongresoj, kaj ili troviĝos en la programo de la ĉiujaraj pacifistaj kunvenoj ĝis kiam ili estos solvitaj praktike.

En tiu ĉi serio de decidoj troviĝas tute korekta sinsekvo, kaj oni povas diri la samon pri la paralela laboro rilata al la principoj de la estonta internacia juro.

Kiel ni vidis pli supre, la 1-a kongreso jam esprimis la deziron ke oni preparu kodekson fiksontan la reciprokajn rajton kaj devojn de la nacioj. La 2-a kongreso konstatis la provojn ĝis tiam faritajn, en tiu senco, de kelkaj registaroj, de la Instituto de Internacia Juro kaj de la Societo por la Reformado kaj Enkodeksigo de la internacia, publika kaj privata Juro. La demando reaperis en la 7-a kongreso (Budapesto, 1896), kie ĝi estis solvata provizore per la akcepto de la enkonduka kaj de la unua ĉapitroj de projekto ellaborita de la Jura subkomitato de la Internacia Oficejo de Paco. La 8-a kongreso (Hamburgo, 1897) decidis ke tiuj principoj kaj ilia klarigo estos kiel eble plej diskonigataj, post ili estos sciigitaj al la registaroj.

La laboro de la subkomitato daŭris, kaj daŭras an-

koraŭ, tiel ke la 12-a kongreso (Rouen, 1903) havis la okazon diskuti kaj akcepti serion de deziroj rilataj al la principo de la *Rajto de la Nacioj*, aŭ, alie dirite, de la *Rajto de la Paco*, kiel ili rezultas de la kutimoj fiksitaj inter civilizitaj nacioj, de la leĝoj de humaneco, kaj de la postulaĵoj de la publika konscienco.

La nombro de la okazaj arbitracioj, kiuj solvis malkonsentojn inter regnoj, de jam unu jarcento, estas almenaŭ 190; kaj la traktatoj de konstanta arbitracio, kiuj estas ja formo pli progresa, estis uzataj de 1862 ĝis 1905, inter 47 regnoj, el kiuj 20 eŭropaj, 19 amerikaj, 4 aziaj, 3 afrikaj kaj 1 aŭstralia.

La Interparlamenta Konferenco de 1895, en Bruselo, kombinis en unu solan, tre vastajn projektojn de organizado de *internacia juĝantaro* aŭ *Komitato da arbitraciantoj*, kaj tiu ĉi projekto estis konigata al ĉiuj regnoj.

Tre grava paŝo estis farata en tiu vojo de la *Interregistara Konferenco kunveninta en Hago en 1899*, en kiu estis fiksata la teksto de *Interkonsento por la paca solvado de ĉiuj internaciaj konfliktoj*, interkonsento, kiun rajtigis la registaroj de 26 regnoj.

Ni kredas ke ni devas citi tie ĉi la jenajn tekstojn, ĉerpitajn el la *Interkonsento de Hago*:

« Artikolo 1-a. Por la celo kiel eble plej eviti la alkuron al la forto en la rilatoj interregnaj, la subskribintaj regnoj interkonsentas fari ĉiujn klopodojn por certigi la pacan solvadon de la internaciaj malkonsentoj.

« Artikolo 2-a. En okazo de grava malkonsento aŭ konflikto, antaŭ alkuri militon, la subskribintaj regnoj interkonsentas alkuri, tiom kiom la cirkonstancoj tion ebligos, la bonservojn aŭ la mediacion de unu aŭ kelkaj regnoj amikoj.

« Artikolo 3-a. Krom tiu ĉi alkuro, la regnoj subskri-

bintaj juĝas utile ke unu aŭ kelkaj regnoj ne koncernataj en la konflikto proponu propramove, tiom kiom la cirkonstancoj tion ebligos, siajn bonservojn aŭ sian mediacion al la regnoj en konflikto.

« La rajto proponi bonservojn aŭ mediacion apartenas al la regnoj ne koncernataj en la konflikto, eĉ dum la daŭro de la militagoj.

« La uzo de tiu ĉi rajto neniam povos esti konsiderata de unu aŭ de la alia el la malkonsentantaj nacioj kiel neamikan agon.

« Artikolo 16-a. — En la demandoj juraj kaj, unuavice, en la demandoj pri la kompreno aŭ plenumado de la internaciaj interkonsentoj, la arbitracio estas akceptata de la subskribintaj regnoj kiel la plej efika kaj samtempe la plej justa rimedo por solvi la malkonsentojn nesolvitajn per diplomatiaj rimedoj.

« Artikolo 18-a. — La arbitracia interkonsento implikas la promeson de la kontraŭuloj, ke ili obeos senartifike la arbitracian sentencon.

« Artikolo 17-a. — La arbitracia interkonsento estas difinita por jam okazintaj aŭ por eventualaj malkonsentoj. Ĝi povas koncerni ĉian malkonsenton aŭ nur la malkonsentojn de ia determinita kategorio.

Artikolo 19-a. — Krom la ĝeneralaj aŭ specialaj traktatoj kiuj kondiĉas nuntempe la devigon por la subskribintaj regnoj alkuri arbitracion, tiuj regnoj konservas la rajton konkludi, ĉu antaŭ la rajtigo de tiu ĉi akto, aŭ poste, novajn interkonsentojn, ĝeneralajn aŭ specialajn, por la celo apliki la devigan arbitracion al ĉiuj okazoj kiujn ili juĝos submeteblaj je ĝi.

« Artikolo 20-a. — Por la celo faciligi la sensprokrastan alkuron al arbitracio por la internaciaj malkonsentoj, kiuj ne povis esti solvataj per diplomatiaj rimedoj, la subskribintaj

regnoj promesas organizi konstantan kortumon arbitracian, alkureblan ĉiutempe kaj funkciadantan, escepte sub kondiĉo kontraŭa de la partioj, konforme je la reguloj proceduraj enhavataj en tiu ĉi interkonsento. »

La Kongresoj por la Paco konstatis kun la plej granda plezuro, ke tiuj interkonsentoj, akceptitaj unuanime, en la konferenco interregna kunveninta en Hago en 1899, de la riprezentantoj de 26 regnoj, subskribitaj kaj rajtigitaj, iĝintaj, konsekvence, la leĝo de siaj subskribintoj, enigis nediskuteble la publikan internacian juron en la kampon de la positiva juro ; ili konstatis, ke ĉiuj principoj rezultantaj samtempe de la kutimoj starigitaj inter civilizitaj regnoj, de la leĝoj de la humaneco kaj de la postuloj de la publika konscienco, iĝis interkonsentitaj inter la plimulto el la civilizitaj regnoj, kaj fariĝis, sekve, pozitiva juro ; kaj ke la kutimoj, kontraŭaj je la leĝoj de humaneco kaj je la postuloj de la publika konscienco, estas forigitaj.

Nun restas, kiel ni diris pli supre, tutplenigi tiun ĉi faritaĵon ; kaj jam S-ro Roosevelt, prezidanto de Unuigitaj Ŝtatoj, iniciatis duan interregnan konferencon, kunvenontan en Hago.

Oni ja diras, ke ĝis nun la arbitracio estis nur aplikata al sengravaj okazaĵoj, kiuj ne estus nepre kaŭzintaj militon. Kion oni scias pri tio ? La Historio pruvas ke multaj militoj havis kaŭzojn pli malgravajn ol la malkonsentoj, al kiuj rilatis la 190 internaciaj arbitracioj de la lasta jarcento.

*Senarmiĝo.*

La okazebleco de *samtempa parta senarmiĝo*, post ĉesado de armado, ne havas lokon absolute determinatan en la serio de la faktoj, kiuj naskos iam la ĝeneralan pacigon, sed la Pacifistoj ĝin ne malatentas : ĝi estas esenca

parto de ilia programo. Ili opinias, efektive, ke parta senarmiĝo agadus samtempe kiel rimedo por malplimultigi la ŝancojn de intermilitado kaj malplipezigi la militajn elspezojn po kelkaj milmilionoj ĉiujare; kaj tio ebligus al ĉia regno malpligrandigi la impostojn, krei antaŭzorgajn instituciojn, amortizi parton de la publikaj ŝuldoj, kaj disponigi al la kulturo kaj industrio la kapitalojn iĝintajn pro tio uzeblaj.

Ni sentas ja ke senarmiĝo, eĉ parta, estas nur farebla post interkonsentoj, kiuj metos flanken aŭ solvos amike la plej gravajn kaŭzojn de la nuntempaj maltrankvilecoj. Tiuj ĉi akordiĝoj — kiel ni jam vidis — devenos de la agado, komence malrapida, kaj poste pli kaj pli rapida, de la publika konscienco; multe kunhelpos ankaŭ la antaŭtimoj, kiujn naskas la ebleco de milito kun la nuna armilaro. Por paroli alie, ni estas konvinkitaj ke la *materia senarmiĝo sekvos moralan senarmiĝon, trudatan de neeviteblaj necesoj.*

La Pacifistoj opinias ke ĉiam ekzistos en la homaro konkuro por la vivo, por la pligrandigo de la bonstato. La konkuro estas necesega kondiĉo de la progresado en la plej diversaj aferoj. Sed, *ĉu oni povas imagi la konkuron nur sub la formo ekstrema de la milito?*

Jam nun, ĝi ne okazas plu sub tiu ĉi besta formo inter privatuloj en la civilizitaj landoj. *Nenio malpermesas ke oni plidolĉigu kaj civilizu la rimedojn por solvi la malkonsentojn inter popoloj, kiel oni faris por la malkonsentoj inter individuoj.* Tia estas ja la tialo de la internacia arbitracio.

### *Nacia defendo.*

Oni tre maljuste kulpigis la pacifistajn grupojn en la diversaj nacioj pri la intenco malfortigi kaj sennervigi la *nacian defendon* kontraŭ la perfortaj atakoj de la fremdlan-

doj, kiuj estas ankoraŭ eblaj, en la nuntempa stato de la pretendata moderna civilizacio. Ni neniam ŝanceliĝis pri la oferoj juĝataj necesaj por firmigi, sed sen neutilaj troigoj, la elementojn de la nacia defendo. Ni absolute ne volas malfortigi perarman kapablecon, kiu povas iĝi necesega iatempe, tiel longe kiel la frenezo de armado, kaj la potenco de la plej forta, pezos sur la mondon kiel premsonĝo de internacia anarkio.

Sed, se, unuflanke, ni intencas plenumi, tiel individue kiel ankaŭ are, korporacie, niajn devojn al nia lando, ni ne povas vidi sen justa indigno la forton superantan la rajton en la rilatoj inter popoloj, kaj ni sentas laŭtiĝantan en ni ekkrion de kompato al la malfeliĉaj loĝantaroj, kiujn premegas kaj ruinas la trograndigo de la militaj elspezoj en la tuta mondo. Ni pensas pri la ĉiamaj maltrankviliĝoj de la familioj, kiuj havas membrojn en la starantaj armeoj ; ni kalkulas la perajn kaj senperajn konsekvencojn de la grandegaj armadoj de nia tempo ; ni konstatas la malcertecon de l'estonteco por la laboristoj, kaj la neeviteblan prokraston de la socialaj reformoj, eĉ la plej urĝaj ; ni bedaŭregas la minacojn, kiujn la « timo kun armado » (1) faras al la materia kaj morala bonstato de la popoloj ; kaj ni provas aligi la opiniantaron al la ideo de paco per internacia arbitracio, t. e. per institucio taŭga por fondi la praktikadon de la juro inter la popoloj, kiel ĝi ekzistas en la individuaj interrilatoj.

La Svisa Societo por la Paco, inter aliaj, klare proklamis tiun ĉi penson dirante : « *Nia societo havas kiel programon, ne malfortigi la nacian defendon en la nuna stato*

(1) Aludo al vortludo iam farita, en Kongreso de Paco, de generalo Türr, kiu, anstataŭ « la paco kun armado » (france : *la paix armée,)* diris « la timo kun armado *(la peur armée).*

(Noto de la eldonistoj.)

*de la aferoj, sed kunigi decide siajn klopodojn kun tiuj farataj en ĉiuj landoj por malfermi periodon de internacia justeco. Ĝi estas firme konvinkita ke ĉia perforta atako iĝos, tiel, pli kaj pli neebla, kaj ke, sekve, iam nenia nacio bezonos alkuri la forton por defendi sian landon kaj sian sendependecon.* »

La programo de la Pacifistoj ne konsistas do, tion oni vidas, el la intenco krei subite, sen etapoj, sen transiroj, la universalan pacon per tuja senarmiĝo. Ĝi estas malpli ampleksa kaj pli praktika : *ĝi ĉelas nur reformojn efektiveblajn unu post la alia, ĉiafoje kiam ilin permesos la psikologia stato de la popoloj kaj registaroj.*

## II. Historio de la pacifisma movado.

La tri unuaj Societoj de Paco estis kreataj en Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko, nome :

*1-e,* en Nova Jorko, en Aŭgusto 1815, per la klopodoj de M. L. Dodge ; *2-e* en Ohio, kelkajn monatojn poste ; *3-e* en Boston *(Massachnsets Peace Society),* en decembro de la sama jaro. Aliaj formiĝis intersekve, kaj ĉiuj kune formis en 1828, la *American Peace Society* (Amerika Societo de Paco).

Unu societo ankaŭ estis fondata en Filadelfio, en 1816 ; ĝi iĝis la radiko de la *Universal Peace Union* (Universala Unuiĝo por Paco).

Post la militoj de Napoleono I-a, kaj je la vido de la mizeroj rezultintaj el ili, internacia paca kuniĝo estis kreita dum 1816 en Londono sub la nomo *Peace Society* (Societo de Paco). Ĝi estas ankoraŭ unu el la plej agemaj kaj havas tre multajn filiojn.

Tuj post la fondo de la *Peace Society* en Londono, S-ro J. T. Price, kiu estis unu el ĝiaj ĉefaj fondintoj, veturis

Francujon, kie formiĝis en 1821 la *Société de Morale Chrétienne* (Societo por Kristana Moralo), por la celo apliki la principojn de la kristanismo al la rilatoj inter la popoloj. Ĝi daŭris dum pli ol kvarono de jarcento kaj kreis kelkajn filiojn en diversaj lokoj de Eŭropo.

Societo por la Paco iĝis fama, ĉirkaŭ 1830, en Ĝenevo, sub la prezidado de grafo de Sellon.

La Pacamuloj, en Grand-Britujo precipe, organizis en 1843 kongreson, kiu sidis en Londono sub la prezido de S-ro Charles Hindley, membro de la Parlamento. *Tiu kongreso decidis sendi al ĉiuj registaroj de la civilizitaj landoj komunikaĵon, petantan ke ili enmetu en siajn traktatojn kondiĉon, laŭ kiu ili promesus submeti ĉiujn siajn malkonsentojn sub la mediacio de unu aŭ kelkaj amikaj nacioj.*

Dum tiu epoko, en 1835, nova Societo por la Paco estis kreata en Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko, la *Connecticut Peace Society,* kiu havas iom grandan nombron da sekcioj. Simpla forĝisto el Unuigitaj Ŝtatoj, *Elihu Burrit,* granda laŭ la koro kaj la konvinka povo, faris, dum 1848, vojaĝon en Eŭropon, kie li predikis la evangelion de la Paco, kaj movis la opiniantaron, precipe en Anglolando, pro la varmeco de siaj paroladoj. Kune kun Henry Richard, li iniciatis la duan Kongreson de Paco, kiu okazis en Bruselo, de la 20-a ĝis la 22-a de septembro 1848, sub la prezido de S-ro Visschers, kaj sub la aŭspicioj de la anglaj kaj amerikaj societoj por la Paco.

La sekvantan jaron (1849), oni kunvenis en Parizo, en la salonego S-te Cécile, la 22-an de Aŭgusto, sub la prezido de Victor Hugo. La vic-prezidanto estis la fama Cobden. Tiu ĉi kongreso daŭris tri tagojn.

En 1850, kvara ĝenerala kongreso okazis en Frankfurt-am-Main, kaj kvina en Londono, en 1851 ; poste, tiuj internaciaj kunvenoj ĉesis, dum la societoj por la Paco, en am-

baŭ kontinentoj, daŭrigis sian laboron, ĉla siaflanke, nutradante tiel la sanktan fajron, kiu iam lumos super la homaro liberigita de la milita premsonĝo.

Dekses jaroj poste, en 1867, S-ro Frédéric Passy fondis en Parizo *Internacian ligon por la Paco,* kiu fariĝis poste la *Société française d'arbitrage entre les nations* (Franca Societo por Arbitracio inter la Nacioj.)

La 9-an de septembro de la sama jaro (1867), nova serio de kongresoj de Paco malfermiĝis en Ĝenevo sub la honora prezido de generalo Garibaldi. Tiu ĉi kongreso decidis la kreadon de *Ligo por la Paco kaj la Libereco,* kies organo estis la gazeto *Les Etats-Unis d'Europe* (Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo). Post ĝia formado, la ligo havis ĉiujare kongreson aŭ ĝeneralan kunvenon de siaj membroj, disloĝantaj en la diversaj regnoj de Eŭropo.

Tiuj ĉiujaraj kunvenoj havis dum kvarono de jarcento karakteron internacian, tial ke la Ligo posedis eminentajn membrojn en la Franca, Svisa, Germana, Itala, Dana, kaj Angla landoj, kaj ke oni diskutis en ili ĝeneralajn demandojn kiuj koncernis la aferon de la Paco pli ol la internaciajn aferojn de Societo. Tamen, ili ne havis la karakteron de Universalaj Kongresoj.

La sama rimarko povas esti farata pri internacia konferenco, kiu okazis en Bruselo, en 1882, dank' al la klopodoj de la londona *International Arbitration and Peace Association* (Asocio de Internacia Arbitracio kaj de Paco).

En septembro 1878, dum la Universala Ekspozicio, internacia Kongreso de Paco okazis en Parizo. Ĝin iniciatis la londona *Societo de Paco,* la *Franca Societo de la Pacamantoj,* la *Internacia Ligo por la Paco kaj la Libereco,* la *Universala Paca Unuiĝo* el Filadelfio, kaj la *Neerlanda Ligo por la Paco,* al kiuj estis sin kuniĝintaj la *Monda humaneca Ligo,* el Romo, kaj la *Itala Ligo de Frateco kaj Paco,* el Milano.

Ni plie citos tie ĉi unu kongreson pli italan ol internacian, okazintan en Romo de la 12-a ĝis la 16-a de Majo 1889, sub la prezido de S-ro Ruggero Bonghi, por la celo krei pli intiman interligon inter la italaj Societoj de Paco kaj Arbitracio.

Multaj societoj por la Paco estis fondataj sinsekve en preskaŭ ĉiuj landoj, tiel ke oni kalkulas nun 129 societojn, dissemitajn en 20 regnoj, kun 520 sekcioj. Kelkaj inter ili havas la titolon « internacia », ĉar ili havas membrojn aŭ sekciojn en diversaj landoj ; sed ne ekzistas ia « Universala Ligo por la Paco », enhavanta ĉiujn pacifistajn grupojn, kun regularo kaj programo identaj. Ĉia societo estas memregeca, kaj posedas siajn regulojn, siajn propagandajn rimedojn, siajn eksterlandajn aŭ enlandajn filiojn. Ili estas tamen ĉiuj kunigitaj de sia ĝenerala programo, kaj de siaj *Universalaj Kongresoj* kiuj okazas ĉiujare ; kaj ili havas la *Internacian Oficejon de Paco* en Berno, kiel centran organon de preparado kaj plenumado.

### III. La Universalaj Kongresoj de Paco.

Post la « ĝeneralaj kongresoj de Paco », la Pacifistaj Societoj fondis, en 1889, ĉiujarajn, regulajn kongresojn, kiuj okazis ĝis nun sub la nomo *Universalaj Kongresoj de Paco*, en la ĉefaj urboj Eŭropaj kaj Amerikaj, nome :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 1-a | Kongreso | en | Parizo, | en | 1889 |
| 2-a | — | — | Londono | — | 1890 |
| 3-a | — | — | Romo | — | 1891 |
| 4-a | — | — | Berno | — | 1892 |
| 5-a | — | — | Chicago | — | 1893 |
| 6-a | — | — | Antverpeno | — | 1894 |
| 7-a | — | — | Budapesto | — | 1896 |
| 8-a | — | — | Hamburgo | — | 1897 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Ĝenerala Kunveno | — | Torino | — 1898 |
| — — | — | Berno | — 1899 |
| 9-a Kongreso | — | Parizo | — 1900 |
| 10-a — | — | Glasgow | — 1901 |
| 11-a — | — | Monako | — 1902 |
| 12-a — | — | Rouen | — 1903 |
| 13-a — | — | Boston | — 1904 |
| 14-a — | — | Lucerno | — 1905 |

Ni pli supre citis, pri la *Ĝeneralaj deklaracioj* kaj pri la *Internacia Justeco*, la esencan laboron de tiuj ĉiujaraj kongresoj, kies ni ankaŭ montros la agon en la diversaj vojoj de la *propagando*. (Vidu sur paĝoj 20-a ĝis 28-a).

Oni foje riproĉis ilin ke ili restas tro indiferentaj je la okazaĵoj kiuj malpacigas la mondon, kaj ke ili limigas sian okupon en abstraktaĵoj, kiam konvenus sin intermeti per la parolo, en specialaj situacioj. Tiu ĉi riproĉo ne estas prava, ĉar sufiĉas tralegi la tekston de la decidoj de niaj kongresoj por vidi, ke ili ne limiĝis en la ekzameno de la principoj de internacia juro, kies akcepto neebligus ĉiun militon, sed ke ili studis kaj diskonigis ĉiafoje *detalan raporton pri la okazintaĵoj dum la jaro,* ekzamenataj laŭ la reguloj de la justeco inter la nacioj, kiel plie *alvokon al la popoloj*. Oni tiel konstatas ke la Internacia Oficejo de Paco estis komisiata de ili por *klopodi ĉe la Registaroj en la celo naski pacan solvon de la minacantaj konfliktoj,* kion ĝi faris je ilia nomo en oftaj cirkonstancoj.

Ni memorigas, inter aliaj, en tiu fako de ideoj, la rekomendojn de niaj kongresoj pri la Orienta Demando ĝenerale, pri la demandoj de Macedonujo kaj Armenujo, de la franca-turka konflikto, de Ĉilio kaj Argentina Respubliko, de Venezuelo, de la sud-afrika milito, de la franca-germana alproksimiĝo, de la rilatoj angla-germanaj, de la rilatoj inter Aŭstrujo kaj Italujo, kaj de la Ekstrem-Orientaj milito.

La 8-a kongreso, cetere, fondis komitaton por studi la *organizon de konsiliĝoj por akordiĝo kaj internacia konsento,* kies rolo estus *konstati zorge kaj publikigi verajn faktojn* ĉiafoje kiam neveraj kaj danĝeraj kulpigoj estas diskonigataj kontraŭ ia nacio en la teritorio de alia nacio.

Kelkaj Universalaj Kongresoj de Paco sin okupis pri la rimedoj por protekti *per ĉesado de armado, kaj poste per partaj kaj samtempaj senarmaĝoj,* la ĝeneralajn ekonomiajn interesojn de la popoloj. Ili ankaŭ traktis la demandon pri Eŭropa federala Unuiĝo, al kiu devas celi, definitive, la klopodoj de la Pacifistoj, kaj kiu havus, kiel esencan organon, oficialan, internacian konstantan Kongreson.

## IV. **La Konstanta Internacia Oficejo de Paco.**

Tiu Oficejo estis fondata de la 3-a Universala Kongreso por la Paco, en Romo, la 13-an de novembro 1891, kaj kreata en Berno, la 1-an de decembro 1891, kiel societo kun civila personeco. Ĝia sidejo estas en Berno (Svisujo), Kanonenweg, 12.

La Societo konsistas el institucioj, asocioj kaj individuaj membroj, tiuj ĉi lastaj kun konsiliĝa voĉo en la ĝeneralaj kunvenoj.

Ĝi havas precipe kiel celon :

*a)* Sciigi, pri la demandoj rilataj al la propagando kaj al la defendo de la komunaj ideoj, la instituciojn, kiuj laboras por la afero de la Paco, kaj faciligi la rilatojn inter ili ;

*b)* Ebligi la studadon kaj preparadon de la demandoj kiuj povus esti metataj en la tagordon de la kongresoj, konferencoj kaj aliaj internaciaj kunvenoj, kiuj volas uzi la Oficejon, kaj helpi al la loka komitato de ĉiu el tiuj kunvenoj, pri la kunvokoj kaj aliaj komunikaĵoj ;

*c)* Plenumi la decidojn de tiuj kunvenoj ;

*d)* Ordigi kaj konservi la arkivojn de la diritaj kunvenoj kaj ĉiujn skribaĵojn al ĝi komisiitaj, kaj ĉion, kio povas rilati al la movado por la Paco kaj la Arbitracio ;

*e)* Aranĝi bibliotekon de ĉiuj publikaĵoj rilataj al la paco, kolektante ankaŭ, kiel eble, la artikolojn de la gazetoj, kaj periodaj revuoj, kiel ankaŭ la oficialajn dokumentojn de la diversaj regnoj, traktantajn pri demandoj, kiuj rilatas al la Paco inter la nacioj ;

*f)* Kolekti, kiel eble, la juĝojn eldiritajn per arbitracio inter la nacioj, kaj ilin resumi por formi specon de praktika jurkutimaro en tiu kampo ;

*g)* Plenigi ĉiutage bibliografion de la eldonaĵoj rilataj al la Paco.

La Oficejo publikigas duonmonate, sub la titolo *Correspondance bimensuelle* (Duonmonata Korespondado), la resumon de tio, kio fariĝas en la Societoj de Paco kaj en la publikaj kunvenoj organizitaj de ili, kaj katalogon de la pacifismaj verkoj laŭ ilia apero. Tiu « korespondado » estas adresata senpage al ĉiuj grupoj por la Paco kaj al la privatuloj kiuj sin dediĉis speciale al la pacifisma afero.

La Oficejo estas direktata kaj kontrolata de Komitato, konsistanta el 26 membroj maksimume, kaj balotata ĉiujare en ĝenerala kunveno.

## V. Propagando de la pacifistaj societoj.

*Teksto de la decidoj de l'Kongresoj.*

La Internacia Oficejo publikigis dufoje la tekstojn francan, germanan kaj anglan de la decidoj de la Kongresoj de Paco, klasigitajn laŭ analiza ordo. Tiu kolekto jam multe utilis, neebligante kelkafoje la revenon, ĉe la Kongreso, de jam akceptita decido. Ĝi nun utilas plie, montrante al la societoj de Paco, en la diversaj landoj, tion, kion oni faris

aliloke por la plenumado de la decidoj rilataj al la propagando; kaj ni esperas ke tiuj ĉi ekzemploj estos bonega stimulilo por tiuj el la grupoj, al kiuj la cirkonstancoj, ĝis nun, ne permesis doni la tutan dezirindan amplekson al ia aŭ alia parto de ilia programo.

### *Lumaj projekcioj.*

La atento, kiun aŭskultantaro donas al la klarigoj de la parolantoj, igitaj pli tuŝeblaj per lumaj montraĵoj, estas nemalkonsentebla. Tial, la 11-a Kongreso (Monako) decidis, pri tio, ke « plena katalogo de la vidaĵoj, grafikaĵoj, tabeloj, prezentotaj per lumaj projekcioj dum paroladoj, devus esti farata. Tiuj vitraĵoj estus tenataj de fotografisto, kiu povus, laŭ peto, ilin vendi al la interesiĝantaj personoj po malkaraj prezoj. Oni ankaŭ metus je la dispono de la paroladistoj tiujn montraĵojn tiel utilajn por pruvi kaj konvinki ».

La dirita katalogo estis verkata, kaj sendata al la societoj de Paco, kun peto ĝin plenigi; kaj nun la Ofico de la vendado kaj pruntedonado de la projekciaj vitraĵoj estas dividita inter la Internacia Oficejo de Paco, en Berno, por la administracia parto, kaj la *Association de la Paix par le Droit* (Asocio « Pacon per juro »), en Nîmes, por la teknika parto.

### *Elmontoj de la 22-a de februaro kaj 18-a de majo.*

Iniciato, prenita en 1896 de S-ro Felix Moscheles, kaj aprobita de la 7-a kaj 8-a Kongresoj, donis al ĉiuj grupoj la okazon organizi, ĉiujare, publikan kunvenon kun opa elmontro. Ni parolas pri la kunvenoj de la 22-a de februaro, kiuj havis bonajn rezultatojn kaj estis, ĝenerale, tre multnombraj.

Estas same pri la kunvenoj de la 18-a de majo, organizataj de la Societoj, por festi la datrevenon de la Interregna Konferenco en Hago en 1899, kiel unuan simbolon kapablan komprenigi la intiman kunligon, kiu ekzistas inter la Internacia Arbitracia Kortumo kaj la pacifisma movado.

*Propagando per la lernejoj.*

La Internacia Oficejo de Paco komunikis kvarlingve, la 12-an de majo 1892, la tekston de la deziroj de la tri unuaj Kongresoj :

*1-e* Al la geinstruistoj, kun alvoko je iliaj bonsentoj « kontraŭ tiu junularo, kiun ili amas, kaj kiun ili deziras vidi antaŭenirantan, dank'al iliaj zorgoj, al estonteco de akordo kaj paco, kies eklevigon ili montros al ĝi » ;

*2-e* Al la Ministroj de Publika Instruado de 23 regnoj, (insista rekomendo kaj peto ekzamenigi tiujn diversajn demandojn kun la tuta zorgemo, kiun ili meritas) ;

*3-e* Al la universitata junularo ;

*4-e* Al la Societoj de Paco.

Samtempe, la Internacia Oficejo de Paco estis komisiita « *redakti, por la ĉiulandaj societoj de Paco, alvokon al la geinstruistoj, profesoroj de historio, por komprenigi al ili, mallonge sed insiste, kia povas esti la influo de tiu instruado en la edukado de la junularo pri la ideoj de toleremo kaj humaneco, kaj ilin admoni ke, en la lecionoj pri historio, ili agadu en tiu bonfaranta kaj homama spirito kontraŭ la gejunuloj al ili alkonfiditaj.* »

Tiu alvoko estis redaktata de la Oficejo kaj sendata, la 25-an de decembro 1896, kaj la 10-an de novembro 1897, al la Societoj de Paco, kun peto ĝin traduki en ilian lingvon, kaj ĝin disdonigi kiel eble plej multe al la instruistoj pri historio kaj al la lernejestroj en ilia lando. Ĝi estis represata en multaj pedagogiaj revuoj, en 1897 kaj 1898.

Sin turnante al la studentoj mem, la 3-a Kongreso rekomendis al ili kreskigi inter si la ideojn de respekto kaj amikeco al la fremdaj nacioj ; — labori por la venko de la pacifismaj principoj ; — fondi kaj plimultigi inter si novajn societojn de Paco ; — fine organizi ĉiujaran kunvenon kaj feston de studenta frateco, intersekve en ĉiuj universitataj urboj.

Varma alvoko en tiu direkto estis adresata, la 12-an de majo 1892, de la Komitato de l'Internacia Oficejo de Paco, al la *Universitata Junularo*. Kiel ni scias, tiu ĉi alvoko havis kiel tujan rezultaton la fondon de Universitataj Societoj de Paco en Zurich, Vieno kaj Innsbruck.

En oktobro de la sama jaro, la Oficejo sendis *cirkuleron al la Universitatoj pri la rimedoj por kreskigi la internaciajn unuecon kaj pacon per la universitataj vivo kaj studado.*

Tiu cirkulero, verkita dank'al la inteligenta kaj sindona kunlaborado de S-ro Hodgson Pratt, starigis tri ĉefajn demandojn, reeldirante la insistajn rekomendojn de la 3-a Kongreso.

Deksep respondoj alvenis el la Universitatoj en Baltimore, Cambridge (Anglujo), Praha, Parizo, Caen, Giessen, Göttingen, Berlino, Leiden, Amsterdam, Pavia, Moskvo, Basel, Genève kaj Göteborg.

Ili estis konigataj al ĉiuj Universitatoj per nova cirkulero, datumita de la 31-a de majo 1893, al kiu estis kunmetitaj kvar aldonoj : 1-e raporto pri la demandoj kaj la respondoj ; 2-e ekstrakto el la 17 respondoj ; 3-e kopio de la cirkulero de oktobro 1892 ; 4-e la raporto prezentita de S-ro Hodgson Pratt al la 3-a Kongreso, por subteni la ideon de *internacia ĉiujara konferenco inter la membroj de la diversaj Universitatoj.*

La 10-a Kongreso (Glasgow, 1901) reprenis kaj diskutis

la ideon *disdoni premiojn al la infanoj kaj junuloj en la gimnazioj kaj en la publikaj kaj privataj lernejoj, pro laboroj traktantaj la demandon de la Paco, aŭ ĉian alian temon kies pera aŭ senpera celo estos la kreado de justaj kaj amikaj rilatoj inter la diversaj rasoj kaj nacioj.*

Alvoko en tiu senco, kun aldonaj klarigoj, estis adresata al 90 pedagogiaj gazetoj.

La 11-a kongreso (Monako, 1902) memorigis per jenaj terminoj la antaŭajn rekomendojn :

« *La pacifisma propagando devas celi ĉefe la unuagradan instruadon; en la unuagradaj lernejoj, oni devas instrui la infanon pri la respekto al la homa vivo; oni devas disdoni en la lernejoj librojn, tabelojn, grafikaĵojn, por komprenigi la ekonomian absurdecon kaj la moralan sensencecon de la milito; oni devas anstataŭigi la gloriga don de la almilitistoj kaj de la alprenaj militoj per la glorigado de la eminentaj bonfarintoj kaj de la historio de la progresoj de la homa spirito.* »

La 14-a Kongreso (Lucerno, 1905) eldiris decidaĵojn ankoraŭ pli ĝeneralajn pri la lerneja demando kaj ĝi komisiis specialan komisiitaron ricevi la raportojn aŭ la konkludojn de la Societoj de Paco pri la organizo de internacia sistemo de instruado kaj edukado, kaj agadi kiel eble plej utile por tiu celo.

*Propagando per la laboristaj asocioj.*

La unuaj kongresoj universalaj de Paco, en Parizo (1889) kaj en Londono (1890), enigis, en siajn principajn deklaraciojn, diversajn decidojn rilatajn al la *ekonomiaj kaj socialaj interesoj de la popolo.* Ili esprimis la deziron ke la Parlamentoj kaj la Registaroj faru tutan sian eblon por :

1-e Starigi pli justan dispartigon de la laboraj produktaĵoj ;

2-e Neniigi la limimpostajn barilojn inter la nacioj;

3-e Solvi per arbitracio ĉiujn socialajn konfliktojn, ĉu inter laboristoj diversnaciaj aŭ samnaciaj, ĉu inter estroj kaj laboristoj.

En la Kongreso en Antverpeno (1894), grava diskuto okazis en la Propaganda Komisiitaro, pri la demando, ĉu estas utile *konsili la Societojn de Paco ke ili alvoku la kunhelpon de la laboristaj asocioj.*

Tiu diskuto finiĝis per la akcepto de la jenaj decidoj:

« *La Kongreso, konsiderante, ke la elspezoj de la milito kaj de la konkuro kun armadoj premas plej peze la laboristajn klasojn, kiuj devas elpagi la plej grandan parton de la impostoj, kaj kiuj plej suferas pro la deviĝa militservado, kaj kunkalkulante, aliflanke, la grandegan kaj pligrandiĝantan influon de la laboristaj organizaĵoj;*

« 1-e *Admonas la Societojn de Paco pri la graveco de aktiva partopreno de tiuj asocioj en la porpaca movado;*

« 2-e *Komisias la Internacian Oficejon de Paco, formi specialan komitaton kiu montros al la proksima Kongreso la rimedojn por faciligi al la laboristaj asocioj ilian partoprenon en la paciga agado de la Societoj de Paco kaj por organizi ilian riprezentadon en la Kongresoj de Paco;*

« 3-e *Esprimas la deziron, ke oni alvoku kiel eble plej multe, en tiu celo, la sindikatojn kaj la laboristajn societojn, ĉu per la gazetaro, ĉu per cirkuleroj.* »

La Kongreso en Glasgow (1891) donis novan direkton al la movado por la Paco, pri ĝiaj rilatoj kun la laboristaj societoj.

Ĝi aŭdis raporton de S-ro J. Prudhommeaux, sekretario de la societo « Pacon per Juro », pri « *la ekonomiaj kaŭzoj de la nuntempaj militoj kaj pri la kunagado* (kooperacio), *konsiderata kiel rimedo por la internacia pacigo* ». Aliparte, S-ro J. Novikov prezentis al la kongreso raporton pri *la*

*direkto, kiun oni devas doni al la pacifisma movado por pligrandigi ĝian efikecon »*, montrante la vojon sekvindan de la pacifistoj por altiri al si la popolamason. La Kongreso, aŭdinte ambaŭ raportojn, esprimis la jenajn decidojn :

« I. *La Kongreso komisias la Bernan Oficejon fondi teknikan komisiitaron, elektotan inter la pacifistaj ekonomiistoj por elklarigi, ĉiun jaron, unu el la ekonomiaj aŭ socialaj flankoj de la internacia problemo.*

« II. *La Kongreso invitas la Pacamantojn favori la kunagadon, ĉiu en sia lando, per ĉiuj eblaj rimedoj. Ĝi komisias la Bernan Oficejon transigi tiun ĉi decidon al la diversaj kunproduktadaj kongresoĵ, naciaj kaj internaciaj.* »

La Oficejo plenumis tiun duoblan taskon.

La sekvintan jaron, en Monako, la 11-a Kongreso komisiis la Internacian Oficejon de Paco sendi ĝiajn gratulojn al la Internacia Socialista Oficejo en Bruselo, kiu estis ĵus espriminta laŭte sian aliĝon al la principoj de la Pacifista partio.

La Berna Oficejo senprokraste transsendis la gratulojn de la Kongreso al Bruselo, kaj ĝi plie plenumis sian komision :

1-e. Per la sendo de cirkulero al ĉiuj Societoj de Paco por memorigi al ili la decidojn de l'Kongreso ;

2-e Per la sendo de cirkulero al la ĉefaj laboristaj asocioj de la diversaj landoj. Tiu ĉi publikaĵo estis verkata per franca, germana kaj angla lingvoj.

Kiel sekvo de tiu iniciato, la Kongreso de la Internacia Ligo de la Kunagadaj Societoj, kunveninta en Manchester en julio 1902, rekomendis al la kunaguloj ekrilatiĝi kun la Oficejo de Paco, kaj labori kun ĝi por la alveno de la Universala Paco ; kaj ĉi tiuj decidoj okazigis la oficialan aliĝon de la Internacia Kunproduktada Ligo al la Oficejo de Paco.

En tiu okazo, la Oficejo ekkomunikis kun laboristaj asocioj en la diversaj landoj, nome la Kunagada Unuiĝo kaj la Centra Federacio de la *Trade-Unions* de Granda-Britujo, por sciigi ĝis kia grado estus eble havi oficialajn interrilatojn inter ili kaj la Oficejo.

Inter la laboristaj asocioj kiuj favore respondis al tiuj proponoj, ni devas citi la Kunagadan Regionan Kongreson en Nîmes, kiu dankis al la Oficejo pro tiu komunikaĵo, certigante ke ĉiuj simpatioj de la kunaguloj estas donitaj al la afero de pacigo inter la popoloj per la jura solvado de la internaciaj malkonsentoj.

La 13-a Kongreso (Boston, 1904) estis komisiinta la Bernan Oficejon kolekti kiel eble plej plenajn informojn pri la socialaj demandoj kiuj rilatas al la problemo de la internacia pacigo. Komisiitaro nomita en tiu celo prezentis al la 14-a Kongreso raporton, kies konkludoj estis akceptataj, nome ke oni zorge studados, de nun ĝis la Kongreso en 1906, la pacifismajn principojn de la laborista partio, por elĉerpi el ili la punktojn aldonindajn al la pacifisma programo.

*Propagando per la virinaj societoj.*

Ĉirkaŭ la mezo de la lasta jarcento, Elihu Burrit, el Unuigitaj Ŝtatoj, travojaĝis Amerikon kaj Eŭropon, ĉie predikante la pacifisman dogmaron. Li fondis la *Leage of Universal Brotherhood* (Ligo de Universala Frateco), kaj la *Olive leaf Cirkles* (Rondetoj de la Olivarba folio), societoj de sinjorinoj; kaj li diskonigis la principojn de la Ligo kaj penis enigi la pacifismajn ideojn en la virinaron. Dum ia tempo, la societo de li fondita enhavis 150 sekciojn, inter kiuj unu en Hamburgo, kiu publikigis « Alvokon al ĉiuj virinoj kaj fraŭlinoj en Germanujo ».

De 1886 ĝis 1890, oni trovas cititajn dekduon da pacifistaj virinaj societoj, kies kelkaj ekzistas ankoraŭ kaj pligrandiĝis.

Jam en la jaro 1889, la virina agado porpaca estis enmetita, kiel temo de diskuto, en la Pacifistajn Kongresojn. En Londono, tiu demando inspiris la jenan decidon :

« La Kongreso, pro la grandega influo morala kaj sociala de la virino, admonas ĉiun virinon, — edzinon, patrinon, fratinon, regnaninon, helpi al ĉio, kio celas firmigi la Pacon ; ĉar, tion ne farante, ŝi meritas gravan respondecon en la daŭrado de la stato de milito kaj militistamo, kiu ne nur malĝojigas, sed ankaŭ malbonigas la vivon de la nacioj. Por alcentrigi kaj uzi tiun ĉi influon praktike, la Kongreso konsilas la virinojn aliĝi al la societoj por la propagando de la internacia Paco. »

La Kongreso en Romo (1891) tiel parolis :

« La Kongreso invitas la Prezidanton, ke li bonvolu alvoki al la Komitatoj de la sinjorinoj de la Ruĝa Kruco kaj similaj societoj, por ke ili provu krei aliajn virinajn komitatojn de la societo por la universala Paco, laŭ la fundamentoj de tiuj jam fonditaj. »

En la Kongreso en Antverpeno (1894), la jena decido estis esprimata unuanime :

« La Kongreso esprimas la deziron, ke la anoj de la pacifisma afero laboru por la plibonigo de la sorto de la virinoj ; invitas la ĉiulandajn virinojn, ĉu aliĝi al la Pacifistaj ligoj, ĉu fondi filiojn de tiuj ĉi ligoj, laŭ la angla modelo ; konsilas la milionon da instruistinoj en la mondo, kaj la patrinojn, uzi sian influon por elŝiri el la junularo la brutajn kaj maldelikatajn sentojn, kaj kontraŭbatali, per sia tuta forto, la diversajn elmontrojn de la militama spirito en la ludoj, ludtempoj, lecionoj, kaj libroj. »

Tiuj diversaj agoj fruktodonis, ĉar la Pacifisma afero iĝis tre populara en la virinaj societoj, kiel pruvas interalie la propagando por la Paco farita de la ĉiulandaj virinoj, okaze de la Transvala milito.

## VI. La Interparlamenta Unuiĝo de Paco kaj Arbitracio.

(Oficejo en Berno, ĉe S-ro D-ro A. Gobat, nacia konsilanto.)

La 31-an de oktobro 1888, precipe dank'al la zorgoj de S-roj Frédéric Passy kaj Randal Cremer, prepara konferenco da dek membroj de la brita Parlamento kaj 30 membroj de la franca Parlamento kunvenis en Parizo « por firmigi la daŭradon de la pacaj interrilatoj inter Granda Britujo, Unuigitaj Ŝtatoj kaj Francujo, laborante pri la preparado de arbitraciaj traktatoj inter tiuj tri nacioj por la amika solvado de la malfacilaĵoj kiuj povus okazi inter ili. »

Tiu konferenco decidis la organizon de dua kunveno, en kiu povos partopreni ne nur la membroj da la tri supredirítaj Parlamentoj, sed ĉiuj parlamentanoj. La projektita kunveno okazis en Parizo, dum la Ekspozicio, la 29-an kaj 30-an de junio 1889, sub la prezido de S-ro Frédéric Passy. Francujo estis riprezentata de 56 senatanoj kaj deputatoj, Anglujo de 32 membroj de la Ĉambro, Italujo de 5 senatanoj kaj deputatoj, Hispanujo, Belgujo, Danujo, Hungarujo, Grekujo kaj Unuigitaj Ŝtatoj, de unu membro de l'Senato aŭ Ĉambro; sume ĉeestis 99 parlamentanoj.

Tiu *unua regula Konferenco* esprimis dezirojn por la solvo de ĉiuj internaciaj malkonsentoj per arbitracio; — ĝi rekomendis la konkludon de traktatoj de konstanta arbitracio en ĉia okazo kiam la cirkonstancoj ŝajnos favoraj, kaj por la aliaj okazoj, la akcepton de speciala kondiĉo arbitracia pri la plenumado kaj kompreno de la specialaj traktatoj de komerco, de literatura posedrajto, k. t. p.; ĝi alparolis al la balotantoj, ilin invitante direkti per sia elekto la politikon de siaj landoj en la vojon al la justeco, juro kaj frateco de l'popoloj; fino, ĝi komisiis komitaton klopodi

por preni la direktadon en la malkomprenigoj kiuj povus okazi intertempe, alvokante, laŭ bezone, la opiniantaron.

Interparlamentaj Konferencoj okazis de tiam regule, nome :

| | | | |
|---|---|---|---|
| 2-a | Konferenco | en 1890, | en Londono. |
| 3-a | — | — 1891, | — Romo |
| 4-a | — | - 1892, | — Berno. |
| 5-a | — | — 1894, | — Hago. |
| 6-a | — | — 1895, | — Bruselo. |
| 7-a | — | — 1896, | — Budapesto. |
| 8-a | — | — 1897, | — Bruselo. |
| 9-a | — | — 1899, | — Kristianio. |
| 10-a | — | — 1900, | — Parizo. |
| 11-a | — | — 1903, | — Vieno. |
| 12-a | — | — 1904, | — St-Louis. |
| 13-a | — | — 1905, | — Bruselo. |

Ili insistis pri la oportuneco konkludi arbitraciajn traktatojn, aŭ almenaŭ enmeti la arbitracian kondiĉon en la komercajn kaj aliajn traktatojn.

Ili petis ke la registaroj akceptu la principon de la netuŝeblecon de la privata propraĵo dum milittempo, kaj esprimis la fundamentajn principojn sur kiuj devas stariĝi la arbitracia juĝistaro.

Ili akceptis projekton de kreo de Internacia Arbitracia Kortumo. Ili decidis la principojn alprenindajn por la protekto de la fremduloj ; ili esprimis la deziron ke la Diplomataj Konferencoj, kies unua okazis en Hago, sin sekvu por la plenumado kiel eble plej plena de la principo de konstanta arbitracio inter la nacioj, kaj por la laŭgrada starigo de leĝaro de publika internacia juro.

## VII. **La promesoj de l'estonteco.**

Konsentinte ke la Societoj kaj Kongresoj de Paco, same kiel la Interparlamentaj Konferencoj, logike antaŭeniris sur la vojo samtempe teoria kaj praktika kiun ili difinis al si mem, oni eble demandos nin, kiujn rezultatojn ili atingis ĝis nun, pri la diversaj punktoj de ilia programo.

Sendube ili ne jam sukcesis dissendigi hejmen la soldatojn, kiuj formas la starantajn armeojn, nek eĉ decidigi interrompon de armado. Longaj klopodoj estas necesaj, por anstataŭigi per la stato de reciproka konfido tiun de malkonfido al kiu la homaro ŝajnis kondamnita por eterne, de jarcentoj da milito. Oni devas ankaŭ konfesi ke la sangverŝaj militoj, kontraŭ kies reveno klopodas la Societoj de Paco, kreis internaciajn kombinaĵojn, kiuj ne estas favoraj al la pligrandigo de la pacifisma afero. Nevenkeblaj pacienco kaj persisteco estas necesegaj por malfermi vojon tra la amaso de personaj interesoj, kiuj instigas al milito.

Kaj tamen, oni antaŭeniras; oni faras progresojn en la opiniantaro, kaj per ĝi, en la atento de la regnestroj, kiuj lasas nenian okazon certigi sian amon al la Paco, sian abomenon kontraŭ la milito. Tiuj deklaracioj montras ke la internacia ĝenerala politiko ŝanĝas sian direkton. Ju pli la registaroj ripetos ke ili deziras la pacon, des pli ili fine kredos je ĝi serioze, kaj klopodos por meti flanken ĉion, kio povus kontraŭstari la ĉiam kreskantan pacigan volon de la popoloj.

# TABELO DE ENHAVO